Continuar-se a propaganda iniciada pela B. L. E. pela remessa de informações sobre o movimento esperantista aos jornaes brazileiros.

Escolher a cidade de Aracajú para séde do 6.° Congresso Brazileiro de Esperanto.

Exprimir os seus applausos á Commissão Organisadora do 5.° Congresso e á mesa que dirigio seus trabalhos.

Enviaram telegrammas de saudações ao Congresso o Senador Dr. Tavares de Lyra, Deputado Dr. Antonio Carlos, Dr. Raja Gabaglia, director do Collegio Pedro II, Dr. Arruda Beltrão, director do Instituto Beltrão, Dr. Fortunato Duarte, O Brazil Philatelico e muitos esperantistas residentes no Rio de Janeiro e nas seguintes localidades: Xapury (Acre), Belem, Maranhão, Fortaleza, Parahyba, Aracajú, São Paulo, Campinas, Santos, Jundiahy, Guaratinguetá, Juiz de Fóra, Teixeiras, Araxá, Guarakessaba, Florianopolis, Blumenau, Pelotas, Cuyabá e Curumbá.

O laureado artista gravador Adalberto Mattos offereceo á Commissão organisadora do 5.° Congresso uma expressiva plaquette representando: — o genio do progresso empunhando a bandeira da paz, galga os mares e divulga o Esperanto. Essa plaquette servio de modelo para a confecção de sellos e cartões postaes commemorativos.

Foi muito visitada a exposição de jornaes, revistas, cartões postaes e sellos esperantistas organisada pela Liga Esperantista no saguão do edificio da Associação dos Empregados no Commercio.



## 10° CONGRESSO UNIVERSAL DE ESPERANTO

Os esperantistas parisienses, que em 1910, pelo convite dirigido ao Congresso de Washington, assumiram o compromisso de receber os samideanos de todo o mundo no grande congresso universal a realizar-se no corrente anno, desde aquella data trabalham activamente para que o proximo «rendevuo» assuma as proporções de um verdadeiro acontecimento na historia do idioma internacional.

A grandeza extraordinaria da cidade-Luz, sua posição vantajosa no seio da civilisada Europa, seus innumeros attractivos, tudo, emfim, permitte prever que seja enorme a concurrencia do proximo congresso e brilhantissimas as festas e sessões deste. E é forçoso que tal succeda, para que se torne notavel a repercussão do congresso na bella capital franceza e portanto, em todo o mundo.

A acção decidida e energica dos samideanos parisienses já está produzindo os animadores resultados.

O «Comité Local d'Organization» embora certo de que a receita do congresso será mais que sufficiente para fazer face ás despezas, resolveu crear um fundo de garantia, para o qual em novembro de 1913 já havia mais de cento e sessenta subscriptores que concorrem com 46.500 francos.

Em taes condições não faltarão recursos ao Comité, que póde se entregar desassombradamente aos trabalhos de propaganda e á organisação de festas grandiosas.

Em todos os centros esperantistas do mundo reina o maior enthusiasmo pelo 10° Congresso Universal e a mais absoluta confiança no exito dessa grande reunião.

O «Comité Local d'Organization» (3, place Jussieu, Paris) presta todas as informações relativas ao Congresso, recebe quotas de adhesão e envia a quem solicitar as circulares já expedidas.

*J. B. M. S.*



## NOVAJ GAZETOJ RICEVITAJ

LA VOĈO DE L'POPOLO. — Ĉiusemajna ĉina kaj Esperanta gazeto, pri ĉio, kio kondukas socian revolucion kaj progresigas universalan unuiĝon Redakcio kaj Administracio: *Sifo*, 41, Rua da Praia Grande, — MACAU. Jarabono: Sm 1.00.

MEKSIKA STELO. — Esperanta monata gazeto. Oficiala organo de la Okcidenta Esperantista Societo. Adreso: Guadalajara. Mex. Ap. 115. Jarabono. Sm 0,75.

INFORMA BULTENO. — Organo de la *Esperanta Fako*, starigita en la «Generala Korespondа Klubo». Aperas laŭbezone senpaga por la anoj. Red: Béla David — Universitato Kolozsvar — Hungarujo.

## LA FAMILIO

(Lucio de Mendonça)

Kompatinda riĉul' — orfo post la naskiĝo,
Li ĉagrenojn suferis pro vana tediĝo —
Fine lin trosatigis vivado plezura
Kaj feliĉo foriris — Ho sorto terura!
Preferinda por li estus eble la morto,
Sen amikoj, sen hejmo, sen revoj, sen forto, —
Ĉio mankis al li! Ĉio estis motivo
Por ke prave li volus forkuri el vivo;
Se li mortos, ho ve! Eble ion pli belan
Li ekĝuos lasinte la mondon malhelan.

Kia nokto malhuma sur tero la vasta!
Kaj ĝi estos por li kiu mortos la lasta
Kiun vidas li nun tre malgaje en mondo.

«Ĉu vi aŭdas la bruon fortegan de ondo?
Certe vin ĝi alvokas. — Ho, iru sen timo
Kaj la vivon forlasu. Ne estos ja krimo;
Se vi aŭdi konsilojn prudentajn kuraĝos
Tie baldaŭ vi fine mortinte surnaĝos!»

Li foriris. En strato timeme irante,
Pri terura mortiĝo ankoraŭ pensante,
Li ekhaltis subite — sed kion li faras?
Kial apud dometo malriĉa li staras?
Tra fenestro la scenon internan li vidas:

Laborante je tablo, patrino jen sidas;
Apud ŝi, kiu kudras, du ĉarmaj filetoj
Gaje vidas bildaron sur kiu kapetoj
De l'petolaj infanoj ridemaj kliniĝas.
Tre proksima ĉambreto silenta vidiĝas
Kie patro laboras amema, bonkora;
Kaj l'avino maljuna, kun sento fervora,
Rigardante la nepojn, trankvile preĝadas.

Kia paco dolĉega ĉi-tie regadas!
Ho, serena vivad' en la hejm' familia!
— Rifuĝejo ĉiela en mond' komedia!
Nur karesoj kaj amo kreadas la ĝojon.
Rigardinte, la knabo... ekŝanĝis la vojon.

Esperantigis

J. B. MELLO E SOUZA.

## IDEALO

*(Ho! La vivo de l'penso estas vivo el lumo kaj eterna ĉarmo.)*

... ili, la du animoj dunaskitaj, post ilia formado el la sama luma radio kaj la sama dia esenco, estis ĵetitaj sur la mondon, apartigitaj kaj fremdaj trairante tra diversa vojo kaj diversa fatalo, vivante, amante kaj suferante, laŭ la neeviteblaĵoj de l'homa envolvaĵo, en kiu ili enkorpiĝis.

Tiam, malproksimigitaj, nekonsciaj pri la simila primitiva deveno, ili deziregas kaj aspiras, en sia intima rifuĝejo, ion nedifineblan kaj neklarigeblan, kiel ian intiman deziron je neebla bono aŭ ian malviglan saŭdadon je nekonataj haltejoj ekvidataj en revo...

Ili sin serĉas tra l'spaco, kaj fine, la sama fatalo, kiu ilin tenadis apartigitaj kaj fremdaj, pli kaj pli alproksimigadas ilin... kvazaŭ vastega cirklo, kiu estis mallongiĝanta... igante sin malgranda... pli malgranda ankoraŭ... ĝis kiam ĝi iĝis kvazaŭ mallarĝa kaj premita cirklo de ĉirkaŭpreno...

Jen ili fine kontraŭe, la du kreitaĵoj...

Unu sola rigardo, unu sola rideto sufiĉas.

La du frataj animoj sin ekrekonas; ili kunfandiĝas kun la sama sento, la sama penso kaj la sama volo, kaj tuj, ili komencas intiman kaj misteran interparoladon. Ili rakontas, reciproke, ilian longedaŭran pilgrimon, dum kiu, apartigitaj kaj fremdaj ili sin amis ideale, serĉante sin en ĉia penso. — «Jen ci, fine!» ili sin diras unu la alian, «ci estas tiu, kiun mi serĉis tra la spaco! Venu, amatino mia, venu edzo mia! Ni iru, ambaŭ, en ideala ama leviĝo tra la purega ĉielbluaĵo, tien, trans la nubojn, trans la astrojn, en la zeniton de l'Universo, tien, kien ne alvenas la homa penso! Ni iru ambaŭ, kunigitaj, serĉi la Dion, kiu enpenetrigis en niajn animojn, la sanktan kaj puran amon; la Dion, kiu nin formis el unu sama luma radio, el unu sama dia esenco... kaj tie, trans la nuboj, trans la astroj, trans la troa kaj grandega amaso de la tuta Universo, kun ĝia ciklopa fortuzo el eterna vivo kaj morto eterna, en ĉiu el tiuj lumaj globoj, ĉiam turniĝantaj per mirinda simetra movo, tra la grizaj nebulozoj; tie, kien ne plu alvenas la homa penso, diri al la superega Dio plena je boneco kaj amo: — Ciaj leĝoj estas bone plenumitaj; Ci nin kreis, Ci nin malapartigas! Ni Cin amegas!»

Verkis

IRENE AMELIA SANTOS

# FRAZARO

M — S-ro F., mi deziras aliĝi al Brazila Ligo Esperantista.

F — Tre plezure, sinjoro. La kotizaĵo estas kvin milrejsoj por unu jaro. Jen estas via kvitanco. Pardonu. Mi forgesis skribi vian plenan nomon. Diru ĝin al mi, se plaĉas.

M — Mia nomo estas M. V.

F — Jen! Mi esperas, ke vi ne forgesos propagandi la neceson, por nia afero, de aliĝoj al B. L. E.

M — Tion mi faros. Trankviliĝu pri mia fervoro esperantista.

— Sr. F., desejo adherir á Brazila Ligo Esperantista.

— Com muito gosto, senhor. A contribuição é de 5$000 por um anno. Ahi tem o seu recibo. Desculpe. Esqueci escrever o seu nome por inteiro. Faça o favor dizer-m'o.

— Meu nome é M. V.

— Ahi tem! Espero que não se esqueça de fazer a propaganda da necessidade, para a nossa causa, de adhesões á B. L. E.

— Isso farei. Descance no meu fervor de esperantista.

N. B.

# Brazila Gazetaro kaj Esperanto

Pli kaj pli la brazila gazetaro interesiĝas pri Esperanto kaj ĝia movado. Tion pruvas la suba listo de la de ni ricevitaj brazilaj gazetoj kaj revuoj, kiuj dum la monatoj Junio, Julio, Aŭgusto kaj Septembro publikigis artikolojn kaj informojn pri Esperanto:

**Maranhão.** — *O Norte* (Barra do Corda).

**Ceará.** — *A Estrella* (Aracaty).

**Parahyba.** — *O Norte* (Parahyba).

**Pernambuco.** — *Gazeta de Pesqueira* (Pesqueira).

**Alagôas.** — *Commentario* kaj *O Mercurio* (Maceió).

**Sergipe.** — *Diario da Manhã* (Aracajú), *A Razão* (Estancia).

**Bahia.** — *Diario de Noticias, O Correio, A Tarde* kaj *O Estado* (S. Salvador), *A Nuvem* (Alagoinhas), *O Conservador* (Nazareth).

**E. Santo.** — *A Cruzada, A Tribuna,* (Victoria), *Muquyense* (S. João do Muquy).

**Stato Rio.** — *O Itaborahyense* (Itaborahy), *A Sapucaia,* (Sapucaia), *Aurora* (Valença), *O Estado do Rio* (Parahyba do Sul), *Ribeironense* (S. José do Ribeirão).

**S. Paulo.** — *Verdade e Luz* (S. Paulo), *A Tribuna* (Santos), *O Clarim* (Mattão), *O Pirapetinga* (Pirapetinga), *O Municipio* (Mogy-guassú).

**Paraná.** — *Diario do Commercio* (Paranaguá).

**S. Catharina.** — *O Dia* kaj *Folha do Commercio* (Florianopolis), *O Municipio* (S. Francisco Sul), *O Catharinense* (S. Bento), *O Astro* (S. José), *Novidades* (Itajahy), *O Fiscal* (Tubarão).

**Rio Grande do Sul.** — *A Eternidade* (P. Alegre), *O Brazil Philatelico* (Cachoeira), *Correio da Fronteira* (D. Pedrito), *O Promotor* (Cruz Alta), *O Ijuheuse* (Ijuhy), *O Municipio* (Caçapava), *Diario Popular* (Pelotas), *O Rosariense* (Rosario), *O Popular* (Passo Fundo).

**Mlnas Geraes.** — *Correio de Araxá* (Araxá), *O Lynce* (Bemfica), *O Guaxupé* (Guaxupé), *Gazeta de Minas* (Oliveira), *Lagôa Santa* (Lagôa Santa), *Luz e Amor* (Rio Branco), *A Alavanca* (Santa Maria), *Mucury* (Theophilo Ottoni), *Gazeta de Viçosa* (Viçosa).

**Rio de Janeiro.** — *O Imparcial, O Paiz, A Noite, Jornal do Commercio, Correio da Manhã, A Epoca, Jornal do Brazil, Gazeta de Noticias, Folha do Dia, A Noticia, O Seculo, Folha do Povo, Portugal Moderno, Gazeta Suburbana, Gazeta da Tarde, Medicina Militar, Semana Medica, O Brasil Medico, Alvorada, O Reformador, A União Social, O Albôr, Leitura para Todos, Mar e Terra.*



## Esperanto-praktika

*La Federacio de la Bruselaj grupoj esperantistaj sciigas, ke la «Senpaga informoficejo» starigita sub la patronado de la komunuma administracio el Bruselo, kaj lokata 19, passage du Nord, — estas sub la dispono de ĉiuj gesamideanoj kiuj vizitante la belan, interesplenan belgan ĉefurbon, — deziras ian ajn informon (adresoj por loĝado, pensiono, vidindaĵoj, k. t. p.).*

# KRONIKO

**Acre.** — Ni legis en «O Paladino», ĵurnalo de *Xapury*, tre malproksima urbo interne de nia lando, artikolon kaj poezion en Esperanto dediĉatan de s-ro F. Conde al la tieaj esperantistoj. En tiu urbo loĝas s-ro Antonio Meira, abonanto de nia revuo.

**Maranhão.** — En *Barra do Corda* s-ro João Quadros publikigis belan longan artikolon *en Esperanto* sur la unua kolono de «O Norte». Tiu artikolo estas skribita post tritaga lernado de Esperanto, farita pere de cirkulero kaj ŝlosilo, kiujn Brazila Ligo sendis al ĉiuj ĵurnaloj en Brazilio: tio pruvas, ankoraŭ unu fojon, ke nia lingvo povas esti facile rapide lernata de inteligenta persono dum malmultaj tagoj. Sekvinda ekzemplo!

**Ceará.** — Jam revenis al *Fortaleza* S-ro Democrito Rocha. Li kaj S-ro Moacyr Caminha malfermis kursojn de Esperanto, kiuj estas bone vizitataj.

**Sergipe.** — E letero de d-ro Alcebiades Corrêa Paes, prezidanto de Esperanta Klubo de Aracajú ni elprenas la jenon:

***«En *Larangeiras* nia fervorega samideanino, f-ino Cecilia Curvello, instruas 15 knabinojn. En *Aracaju'* mi instruas ĉe nia klubejo, ĉe «Collegio Salesiano» kaj «Gremio Escolar»; Sebastião Albuquerque gvidas du kursojn: ĉe «Atheneu Sergipense» kaj «Collegio Tobias Barreto»; kaj f-ino Sylvia de Oliveira Ribeiro instruas ĉe «Collegio Senhora Sant'Anna». El tio ĉi oni vidas ke en *Aracaju'* okazas nun kvin kursoj de Esperanto. Bedaŭrinde ne estis eble efektivigi nunjare internacian instruadon ĉe Normala Lernejo, kio estis okazigita de malbona divido de tempo, sed ni esperas ke la proksiman jaron ĉio prosperos kaj sukcesos. Mi forgesis diri al vi ke en «Atheneu» mi devigas miajn lernantojn traduki en la anglan lingvon anekdotojn kaj plej interesajn historiojn el la *Unua Legolibro de Kabe*. En la nuna momento mi zorgas pri starigo de domo por la funkciado de nia grupo: jam 900 spesmilojn ni elspezis por la akiro de tiucela loko. Restas starigi la konstruaĵon, en kio ni havas la esperon esti helpataj de la ŝtata registaro. Ni ankaŭ aspiras subvencion de la centra registaro: tiucele ni baldaŭ komencos agi. En la jara raporto de direktoro de la Publika Biblioteko de l' Ŝtato li sciigas la Registaron pri la ricevo de multaj ĵurnaloj kaj revuoj konsekvence de cirkulero sendita al esperanta gazetaro".

**Bahia.** — Serio de propagandaj artikoloj aperis en la gazeto «Conservador» de *Nazareth*, kies redaktoro, S-ro Anizio Melhor, estas esperantisto.

S-ro Carlos Cunha daŭrigas propagandi nian lingvon en *Alagoinhas*.

**Stato Rio.** — En «English Pension» de *Nictheroy* okazis la tagmanĝo dediĉita de esperantistoj al d-ro Horacio Magalhães, ĝenerala sekretario de Ŝtato Rio, kiel homaĝo pro la sankcio de leĝo faciliganta la uzadon tiean de nia lingvo. En tiu tagmanĝo partoprenis tri fremdaj samideanoj kaj okaze de l' deserto, je la ĉampano, d-ro Venancio da Silva salutis la homaĝiton. Okazis ankaŭ paroladoj de d-ro Horacio Magalhães dankante kaj poste de d-ro Everardo Backheuser al d-ro Oliveira Botelho, prezidanto de l' Ŝtato kaj al d-ro Zamenhof. Ĉiuj ĵurnaloj de Nictheroy kaj de Rio de Janeiro parolis pri tio.

— Komisiono konsistanta el s-roj d-roj A. Couto Fernandes, Venancio da Silva kaj José A. Boiteux iris al la Prezidanto de l'Ŝtato lin danki pro la sankcio de tiu leĝo. Dum la interparolado li sin montris tre simpatia al nia lingvo.

**Rio de Janeiro.** — La gazetoj «O Jornal Baptista» kaj «A Mocidade» publikigis artikolon en Esperanto de s-ro Gustavo A. Menezes sub titolo *la Savo de l' homo*.

— Sub titolo «fruktodona propagando» publikigis «A Noite» bonan artikolon pri nia movado kaj pri la servoj faritaj de Esperanto el la diskonigo de Brazilio tra la mondo.

— De Parizo nia klera samideano Medeiros e Albuquerque skribis belan artikolon pri nia movado, publikitan en «A Noticia».

— S-ro Carlos Vellozo, instruanto de Esperanto ĉe Asocio de Kristanoj Junuloj, ricevis de siaj lernantoj kaj de l'anoj de Brazila Esperantista Klubo belan elmontron de danko kaj simpatio, konsistantan el festo al li dediĉita.

— S-ro João Lucas, poŝta oficisto, publikigis en «O Mensageiro Postal» longan artikolon per kiu li konsilas siajn kolegojn lerni nian lingvon.

— En Instituto Beltrão, laŭ ĝia programo por lernado, okazis je la 19-a de Oktobro malfermo de kurso, sekvata de 28 lernantinoj. La kurso estas gvidata de la direktoro, d-ro Arruda Beltrão.

— La 6-an de Decembro okazis ekzameno de lernantinoj de «Collegio Sul Americano» sub la prezido de la klera latinisto

d-ro Mendes de Aguiar. Ricevis la ateston pri lernado f-inoj Rosaria Conde, Odette Young, Vera Miranda Ribeiro kaj Stella Lavrador. Post la ekzameno f-ino Vera Miranda faris tre belan dankan paroladon al la profesoro de tiu kurso, d-ro A. Couto Fernandes, ĉe nomo de siaj kolegino], kiuj ĵetis sur lin grandan kvanton da rozaj folioj.

— Je le 7-a de Decembro okazis ĉe f-ino Julia Fernandes la monata kunveno de Virina Klubo. Kiel ĉiam oni aŭdis paroladojn, deklamojn, kantojn, k. c.

**São Paulo.** — La ĵurnalo «A Platéa» malfermis kurson per siaj kolonoj aperantan dufoje ĉiusemajne. — En *Santos* «A Tribuna» malfermis esperantan fakon. sub direktado de s-ro Zozimo Lima.

En *Jundiahy*, s-ro J. B. Figueiredo, sekretario de gazeto, intencas fondi grupon de propagando.

**Paraná.** — La malnova fervora samideano s-ro Costa Pinto, el *Superaguy*, dissendis cirkuleron pri la kvina brazila kongreso al ĉiuj ĵurnaloj de lia Ŝtato. Dankon!

**Santa Catharina.** — Serion de artikoloj por Esperanto publikigis en «Jornal do Commercio» de *Florianopolis* nia samideano de *Araranguá* s-ro Abilio Gomes.

— S-ro Irineu Livramento presigis kaj disdonis cirkuleron pri la kvina kongreso brazila de Esperanto; preskaŭ ĉiuj tieaj ĵurnaloj ĝin publikigis. Li nun estas en Blumenau, kie li faras viglan propagandon.

**Rio Grande do Sul.** — S-ro José P. Franz malfermis en *Pelotas* kurson en la sidejo de Laborista Ligo; dank'al liaj klopodoj la teozofia societo «Dharmah» alprenis Esperanton por ĝia tuta korespondado kun fremdaj landoj.

— F-ino Antoninha Barum daŭrigas instrui Esperanton ĉe «Gymnasio Pelotense»

— En «Externato Pelotense» okaze de l'festoj por fermo de l'kursoj, oni kantis la *internacian marŝon*, propagandilon de nia samideano E. Wanderley.

**Minas Geraes.** — «Alavanca», ĵurnalo de *Santa Maria* publikigis propagandan artikolon de s-ro José Tosta pri «la praktikado de frateco».

— Okaze de nia kvina kongreso s-ro Lucas Rogerio aperigis belan artikolon pri Esperanto en «Diario Mercantil» de *Juiz de Fóra*.

La 31an de Oktobro lasta fondiĝis en *Guaxupé* «Esperantista Klubo», kiu aliĝis al B. L. E. kaj U. E. A. Jen estas ĝia unua estraro: Prez. D-ro Toledo de Loyola; sek. profesoro Dolor de Carvalho; kas. S-ro Narciso de Almeida Santos. Bonan sukceson!

**Matto Grosso.** — Estas nun en *Corumbá* nia samideano Gustavo de Menezes, kiu intencas tie fondi grupon. Ni esperas ke li estos helpata de s-ro Lindolpho Cuyabano, tiea delegito de nia kvina kongreso.

M. M.



## PORTUGALUJO

**Lisboa,** — S-ro Rudolf Horner veninte el Berno, faris paroladon pri la 9a Kongreso en la Kristana Unuiĝo kaj tuj poste malfermis senpagan kurson. La grava ĉiutaga gazeto «Diario de Noticias» publikigis belan raporton pri la parolado.

**Caldas da Rainha.** — Dank' al klopodoj de S-ro Pires Machado la gazeto Rio-Maiorense publikigis diversajn propagandajn artikolojn kaj faras al siaj legantoj kurson de Esperanto, sub la gvido de S-ro F. Santos.

**Coimbra.** — S-ro Eugenio Elyseu delegito de U. E. A. organizis ekspozicion de poŝtkartoj kaj gazetoj, kiu estis multe vizitata.

**Porto,** — S-ro Proença malfermis tri novajn kursojn.

La 7am Septembro efektiviĝis en Guifoês (Matosinhos) bela festeto organizita de kelkaj anoj de l'Grupo de Porto.

S-ro J. Augusto Alves, posedanto de *Agencia de Publicidade*, presigis kaj gluigis sur diversajn stratmurojn 50 grandajn afiŝojn por propagandi Esperanton.

(El *"Portugala Revuo"*)



# O ESPERANTO NO ESTRANGEIRO

**Inglaterra.** — Appareceu a 2a edição do «Novo Testamento», editado pela Sociedade Biblica Britanica de Londres. — O chefe de policia de Edimburgo distribuiu a seus empregados 650 manuaes de Esperanto. — Durante o 17o Congresso Internacional de Medicina a commissão organisadora poz o laboratorio de geologia á disposição da Associação Universal de Medicos Esperantistas (T. E. K. A.).

**Suecia.** — O Sr. Helsing abrio um curso em uma escola popular de Gefle. E' a primeira vez que o Esperanto é ensinado em uma escola da Suecia.

**França.** — De 1890 a 1913 o «Turing Klub» francez deu 10.000 francos de auxilio aos grupo

e cursos organisados pela Associação Polytechnica de Paris. Existem actualmente nesta cidade 12 cursos semanaes sob o patrocinio dessa importante associação. A Camara Municipal de *Sotteville-lès-Rouen* deu o nome de Zamenhof a uma das ruas da cidade. A respectiva placa será solemnemente collocada em 1914 por occasião do 7º Congresso dos grupos normandos. Em *Limoges* já existe uma rua com esse nome. — Para o 10º Congresso Universal de Esperanto, que terá lugar em Paris, em 1914, creou-se um fundo de garantia por meio de acções de 100 francos. Os esperantistas francezes já subscreveram 46.500 francos! — Realisar-se-á em Londres, antes ou depois do 10º Congresso Universal, o 5º Congresso Internacional dos Esperantistas catholicos.

**Belgica.** — A federação dos grupos de Antuerpia abrio 5 cursos de Esperanto. A Camara Municipal cedeu gratuitamente salas para o seu funccionamento e approvou uma subvenção de 600 francos. A Camara de Borgerouth subvencciona o grupo local. — A semana internacional esperantista, organisada pela Liga Esperantista Belga, por occasião da Exposição Internacional de Gand obteve um successo extraordinario. Nelle tomaram parte cerca de 500 samideanos.

**Hollanda.** — Fundou-se a «Ligo de Nederlandaj Fervojistoj», cujo fim é propagar o Esperanto entre os empregados ferro-viarios hollandezes. — Realisou-se em Haya o 1º Congresso dos Esperantistas hollandezes. — Durante o congresso internacional de vegetaristas dois congressistas fallaram em Esperanto. — O director dos Correios da Hollanda permittio que os empregados approvados em exame de Esperanto trouxessem sobre o uniforme o distinctivo esperantista.

**Allemanha.** — Realisou-se em Stuttgart o 8º Congresso dos esperantistas allemãs. Compareceram cerca de 200 socios do Germana Esperantista Asocio e 30 estrangeiros. Essa importante associação conta actualmente 187 grupos filiados com 4.700 socios.

**Hungria.** — Abriram-se cursos na Escola Potechnica e na Universidade Real de Budapest. — Realisou-se em *Miskolc* uma festa de propaganda, cujo resultado immediato foi a abertura de um curso no qual inscreveram-se 80 alumnos. — Fundou-se em *Seged* o «Komerca Esperanta Instituto», que presta informações sobre o commercio hungaro e encarrega-se da distribuição de prospectos em Esperanto.

**China.** — Appareceo em *Cantão* uma revista socialista escripta em Esperanto e chinez, denominada «La Vocho de l'Popolo».

**Japão.** — Em *Yokoska* o Sr. K. Ossaka, secretario da sociedade local, dirige 13 cursos de Esperanto! Essa sociedade teve a sua segunda assembléa em 7 de Setembro ultimo. — Appareceo na *Ilha Formosa* um jornal denominado «Esperanta Libreto» editado e distribuido gratuitamente pelo Sr. Kradama Shiro.

**Tunisia.** — Alguns marinheiros conseguiram crear um curso de Esperanto graças a amabilidade dos officiaes e principalmente do capitão Cabon, que lhes arranjou uma sala, onde elles se reunem e estudam a nossa cara lingua.

**Estados Unidos.** — Os esperantistas de S. Francisco da California preparam-se para o 1º Congresso Pan-Americano Esperantista que ahi se reunirá em 1915 por occasião da grande exposição universal.

**Mexico.** — Reappareceo o «Meksika Stelo», orgão official da «Okcidenta Esperantista Societo».

**Uruguay.** — Estão funccionando regularmente diversos cursos, com um total de 80 alumnos. O movimento esperantista, que tinha adormecido, toma nova força e vigor.

**R. Argentina.** — No dia 1º de Outubro fundou-se o «Centra Esperantista de Buenos Aires», cuja séde é a rua San Juan 782. Foram eleitos presidente o Sr. F. H. Ruprecht e secretario para o exterior o Sr. A. Villafranco.

**Perú.** — A Faculdade de Sciencias da Universidade de São Marcos de Lima acceitou por unanimidade como membro honorario, o Dr. L. Zamenhof. A proposta foi apresentada pelo Dr. Frederico Villareal decano da Universidade e fervoroso esperantista.

A. C. F.



# Korespondado

*Voitsberg. Steiermark — Aŭstrujo.* — S-ro OTMAR RUSSHEIM, farmaciisto, deziras interŝanĝi vere belegajn vidajkartojn kun la tuta mondo. Poŝtmarkojn ĉiam bildflanke. Rapide respondos.

**Fritz Günther,** komercisto, *Braŭnschweig. Mad. Weg* 142 *Germanujo* — deziras korespondi esperante per leteroj aŭ poŝtkartoj kun brazilaj samideanoj.

La saksa **Esperanto — Instituto,** *Leipzig. Dolzstrasse* 1. Germanujo, treege dankas al ĉiuj gesamideanoj por la alsendo de ĉiuspecaj reklamafiŝoj.



## LIVROS

Na séde do Brazila Klubo, á Praça 15 de Novembro n. 2, 2° andar, encontram-se á venda os seguintes livros :

*Brazilio*. Parolado de Sro. E. Backheuser.......................... 1$000

*Methodo theorico e pratico do esperanto* por Honorio Rivereto .............. 1$000

*Lina*, comedia, por Pedro A. Coutinho ........................... 1$000

*Esperanto*. Conferencia do Dr. Antonio C. de Arruda Beltrão.......... $500

*Karlo*, facila legolibro, de Privat.. $500

*Parizina*, poema de Byron, esperantigita de Dr. Venancio da Silva ...... 1$000

*Chaves de Esperanto*............ $050

*Curso Elementar de Esperanto*, por M. Mendes e C. Fernandes.......... 1$500

Ha tambem cartões postaes de propaganda, pelo preço de 50 rs. cada um, ou 600 rs. a duzia.



### Livros em Esperanto

Acham-se á venda na Livraria Jacintho Silva, á rua Rodrigo Silva n. 7, na Livraria Alves, á rua do Ouvidor, 166 e na Livraria Gomes Pereira, r. Ouvidor, 91, diversos livros em Esperanto.